XIV[a] jaro. N° 210 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1[a] de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



## NUNTEMPAĴOJ

## La paca problemo estas problemo de volo

El ĉiuj flankoj oni nun insistas pri tio, ke la estonta paco estu organiza paco. Tiu projekto ja respondas al granda bezono, sed oni ne devas erari pri la solvota problemo. La ĉefan malhelpon multaj ne ankoraŭ konscias.

De preskaŭ dudek-kvin jaroj mi laboras pri la paca movado, kaj en tiu tempodaŭro mi vidis, kiel la pacamikoj sinsekve prezentis al si la solvotan problemon kaj la venkotan malhelpon. Komence, la paca movado estis sentimentala kaj penis tuŝi la korojn. Poste ĝi precizigis per ciferoj kaj statistikoj. Ĝi penis sin montri konkreta, praktika, kaj ĝi turnis sin al la materiaj interesoj. Ĝi fariĝis jura, objektiva, kaj radikis siajn esperojn en la faktoj mem. Ĝi eĉ, apogante sin sur la historio, pretendis el la estintaj progresoj antaŭdifini siajn progresojn estontajn.

Tamen ni ne sufiĉe komprenis, kia estis la problemo solvota kaj la malhelpo venkota, ĉar la okazintaĵoj ne bone montris, kia estas nia malamiko. Ni vivis dum paca tempo, kaj la militon ni malbone konis. Ni pri ĝi sciis nur la mensogojn kaj legendojn, per kiuj ĝin ĉiam ornamis la historio kaj per kiuj ĝi ankoraŭ estos ornamata morgaŭ. Ni bataladis kontraŭ forestanta malamiko, kontraŭ nekaptebla fantomo . . . Nun ni estas instruitaj. Ni ekscias, kia estas la milito; la realaĵon ni kvazaŭ trapalpas. Ni hodiaŭ scias, kial la paco estas for kaj kial oni ne povas ĝin restarigi.

La tiel nomata realismo, kiu inspiris la pacamikojn en la antaŭmilitaj jaroj, instigis ilin propagandi per faktoj kaj ideoj, per objektivaj studoj kaj praktikaj pritraktoj. Oni diris: „Ĉiu ja volas la pacon; por ke ĝi estu, sufiĉas ĝin organizi. Montru, ke la pacaj metodoj estas eblaj, kaj ĉiu volonte uzos ilin. Publikigu la konvenciojn kaj arbitraciajn traktatojn: la konvinkitaj ŝtatoj sin mem katenos en la ligiloj de l' juro.“

La nuna milito al ni montras, ke la vero ĝuste estas la kontraŭo de tio, kion ni supozis. La fenomeno de la milito trafe instruas nin pri ties esenco. Ni vidas, kial ni ne sukcesis, kaj kia transformado estas necesa, por ke ni povu sukcesi.

Al la paco mankas ne la organoj, sed la animo, ne la materia ilaro, sed la morala volo.

Vidu! La jurajn kaj pacajn metodojn starigis la Hagaj Konferencoj. Ili ekzistas. La pacoperado ekzistas. La arbitracio ekzistas, kaj kvardek-kvar regnoj sin devigis, en 1907, uzi tiujn facilajn, rapidajn, sekurajn metodojn, kiuj ŝparas oron kaj sangon. Sed neniu volas ilin uzi.

La mondo povas la pacon. Sed ĝi volas la militon, ĝi ne volas la pacon.

Ĉiu asertas, ke ĝi volas la pacon. Tio estas nur ŝajno, „konvencia mensogo“. La realaĵo estas la milito. Pri tiu ĉi oni ne sole parolas; ĝin oni faras. Al ĝi oni oferdonas ne vortojn, sed la sangon de la viktimoj. Ĝi ne estas revaĵo, sed realaĵo.

Kiu iom spertis pri la vivo, tiu scias, kiaj estas la rilatoj inter la revoj kaj la instinktoj, la progresoj kaj la tradicioj, le ideoj kaj la pasioj. Hierarkie la revo, la progreso, la ideo estas la supro de la homa spirito; la instinktoj, la tradicioj, la pasioj estas ĝia ŝlima fundo. En la realeco, la revoj, la progresoj, la ideoj estas nur vanaj ornamoj, kiuj ĉirkaŭas la instinktojn, la tradiciojn, la pasiojn.

La milito estas pasio sin apoganta sur tradicio tiel malnova kiel instinkto. Ĉiuj ideoj, studoj, rezonoj, evidentaĵoj, statistikoj, la plej certaj interesoj kaj eĉ la plej profundaj sentoj — kiel la amo al la vivo, la amo al la familio, la amo al la filoj — nur flirtas ĉirkaŭ ĝi, sed ne profunde tuŝas ĝian esencon.

La milito estas potencega, prapatra kaj kolektiva pasio, kiun ne povas trafatingi la rezonoj, la faktoj, la interesoj kaj eĉ la instinkto de memkonservo. La milito estas la fundo de tio, kion ni nomas la „civilizacio“. Malfermu la okulojn. Nun kiam la katastrofo faligis inter ni kaj la mondo la muron de la iluzioj, rigardu kun nova spirito. Observu

la publikan opinion. Observu niajn instituciojn. Observu la okazantajojn.

Vi kiel mi dum la paca tempo konis multajn el tiuj viroj kaj virinoj, kiuj nomis sin pacifistoj. Nenia milito ekaperis ĉe la horizonto, almenaŭ koncerne ilian landon. Kial do ili estus volintaj la militon? Ili energie deziris la pacon. Kiel ili, la publika opinio deziris la pacon, kvankam ĝi timis tion laŭte diri.

Sed tuj kiam eksplodas milito, sub iu ajn preteksto, kun neantaŭviditaj liganoj, kontraŭ malamiko, kies amiko oni hieraŭ estis . . ., jen okazas mirinda ŝanĝo. En ĉiuj landoj, pro plej diversaj motivoj, ĉiuj aklamas la militon. Rigardu. Ili estas la samaj homoj, sed ili estas transformitaj. Vi ne plu aŭdas el iliaj buŝoj la samajn parolojn. Ĉiuj animoj estas ŝanĝitaj. Okazis stranga duobliĝo en la personeco de l' popoloj kaj de l' homoj. Ho mirindaĵo! la pacifistoj, la socialistoj ne estas la lastaj, kiuj aklamas: ili estas la unuaj. Ĉiu alkonformigas sian idealon al la batalo, kiel oni almetas la bajoneton al la pafiltubo. Oni klarigas, ke oni militas ĝuste pro tiuj kaŭzoj, kiuj antaŭe instigis al pacodeziro. Vi eltrovas, ke la homoj, kiuj dum paca tempo ne volis la militon, tamen havis motivojn ĝin voli, sed nur atendis favoran okazon. Ĉiujn tiujn motivojn allasas la publika opinio; ĉiu elektas militidealon laŭ sia plaĉo. Por la senimagaj homoj la pravigo estas ankoraŭ pli simpla: ili estas favoraj al la milito, ĉar ĝi estas. Ĝi do devas preterdaŭri, ĉar ĝi ekzistas.

Kaj pri niaj institucioj, diru al mi, ĉu ili estis faritaj por la milito aŭ por la paco?

En la feliĉaj tagoj de la armita paco, mia lando (por citi nur unu ekzemplon) elspezis proksimume 1 miliardon 500 milionojn jare por la milito, kaj proksimume 20.000 frankojn por la paco: tio estis ĝia financa partopreno en la Hagaj institucioj. La tuta popolo militservis, instruata, edukata, dresata de pli ol tridek mil oficiroj. Trans nia landolimo, kiel maltranse, la ŝtatoj preparadis por la kanonoj la flamiĝemajn popolamasojn. Se iu diris ie vorteton por la paco, oni rimarkigis al li, ke tio estas riskoplena iniciato, ke la nomo paco estas pli danĝera ol ĉiuj militŝiparoj kaj ĉiuj armeoj.

Nun vidu la okazantajojn! Ĉie, je la horo de l' krizo, en la momento de la metamorfozo, konfirmiĝis la grandega kulto al la milito. Ĉie, ĉe la militdeklarintoj kiel ĉe la militdeklaritoj, la sama kunlaboro, la sama unuanimeco, sen ia hezito de la konsciencoj, sen ia dubo pri la pravo de la propra lando. Kian vorton, en la morala kampo, elvokas la milito? La vorton „devo". Kian vorton elvokas la paco! La vorton „perfido".

La pacoproblemo estas problemo de volo. La emo al la milito estas pasio kuracota. La deziro al paco estas virto kreota.

*Lucien Le Foyer.*
Trad.[1]: *A. R.*

[1] El la „Paix organisée", Paris.

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*



# SOCIA VIVO



## La Bahaismo

I.

Ni eŭropanoj volonte imagas, ke la granda Azio dormas kvazaŭ mumio. Ni ridetas pri la antikvaj Hebreoj, kiuj kredis sin elektita popolo; ni miras pri la netolero de la Grekoj kaj Romanoj, kiuj ĉiun fremdulon konsideris kiel barbaron; tamen ni similas al la Hebreoj, Grekoj kaj Romanoj: nur al nia Eŭropo ni kredas kun iafoje patra rigardo, protektema kaj fiera, al nia ido Ameriko.

Tamen, la kataklismo, kiu trafis nin en 1914, instigas iujn el ni kritikeme rilati al la netuŝebla dogmo pri nia elektiteco inter la rasoj de l'mondo. Ĉu la moderna civilizo nun ne pruvis sian neniecon, kiun jam antaŭmontris Rousseau, Carlyle, Ruskin, Tolstoj, Nietzsche? Tial ni pli atente aŭskultas la voĉon de l' Oriento, kaj ekturnas nin al tiu Azio, kiun ni tiel miskomprenas. Ni preskaŭ ne scias, ke en la mezo de la XIXa jarcento, ĝi naskis religian movadon rimarkinde altinspiran, kiun konis kaj priparolis Tolstoj, kaj kiu, laŭ la vortoj de sia historiisto H. Dreyfus, ne estas „nova religio", sed „renovigita religio, la sole ebla interkonsento inter la religioj kaj la libera penso. Nin precipe mirigas tiu fakto, ke tia movado povis naskiĝi en nia tempo kaj disvolviĝis en maniero, kiu superas la progresadon de la naskiĝanta kristanismo antaŭ du mil jaroj.

Tia movado estas la Bahaismo.

* * *

Bab, juna persa reformisto, kiu rivelis sin en 1844, baldaŭ aperis al la pastraro kaj al la registaro kiel agitanto. Li ja ne disvastigis sian kredon perforte, sed kiel iam Kristo, li promesis la reĝolandon de Dio sur la tero; al la potenculoj tiaj promesoj ĉiam ŝajnis danĝeraj. La tuta lando agitiĝis por aŭ kontraŭ Bab, kiu estis malliberigata kaj fine ekzekutata sur publika placo de Tabriz en 1850. Sed tiu persekutado ne malhelpis la kreskon de la movado. En 1852 la persa regnestro, sekve de atenco kontraŭ li, denove persekutis kaj, interkonsente kun la turka registaro, ekzilis la Babanojn en Bagdad, kie ili devis vivi sub la kontrolo de la sultano. Sed por detrui la movadon, estus estinte necese ekzili la duonon de la persa loĝantaro.

Mirza-Hussein-Ali-Nuri, hodiaŭ rivelita sub la nomo *Baha-Ullah* (la brilo de Dio) naskiĝis en novembro 1817. Kiel disĉiplo de Bab, li estis enkarcerigita en Teheran sekve de la atenco kontraŭ la regnestro, kvankam kulpa li ne estis; poste li estis sendata Bagdadon. Forlasinte sian familion kaj la persan kolonion en Bagdad, li rifuĝis du jarojn sur la montojn norde de Soleimanieh. Li nur volis vivi kviete kaj nekonate, sed nerezistebla ordono de lia animo devigis lin al agado. Dum la du jaroj de sia kaŝata vivo, li ĉerpis el la meditado kaj komunio kun la naturo la necesan forton por plenumi sian agadon.

Reveninte en Bagdad, li al siaj amikoj aperis kiel gvidanto. Bab fariĝis humila, kiel Johan-Baptisto, antaŭ la pli granda profeto sekvonta lin; tian profeton atendis la Babanoj:

Intertempe (1862) la persa registaro, ĉiam malfavora, atingis, ke la sultano ekzilu la Babanojn al Konstantinoplo. La longa karavano de la elpelitoj deiris de Bagdad. Laŭ la moro, la irado esti malrapida en la unuaj tagoj, ĉar longaj estas la preparoj, kaj oni atendas la malfruulojn. Tial la elpelitaro restadis dekdu tagojn en la ĝardenoj de Rezwan.

Tie, en la unua vespero — varma printempa vespero, en la momento de la sunruĝo — la ekzilitoj ĝemadis pri sia sorto, pri la perditaj amikoj, pri la mortigita majstro. Tiam Baha-Ullah stariĝis kaj rivelis, ke li prenas sur sin la gvidantan mision. Li sencede esprimis sian internan penson: Dio, li diris, faris el ĉiuj homoj la gutojn de sama maro, kaj la foliojn de sama arbo. Ĉiuj rasoj estas puraj. Ne sole por Persujo kaj Islamo, Bab denis sian vivon, sed por la Homaro. Pasis la tempo de la religioj, ekvenas la tempo de la Religio.

Tiel, laŭ la deklaro de Rezwan, la movado plilarĝiĝis trans la dogmoj kaj la ritoj; ĝis tiam konsiderita kiel persa revolucio kaj islama reformo, ĝi rompis siajn digojn kaj traboris al si la vojon de l' mondo.

Forlasita de la timuloj, kiuj ne volis deflankiĝi de la islama tradicio, ekzilita kun sia familio kaj kelkcentoj da amikoj de urbo al urbo, Baha-Ullah daŭrigis sian taskon. Dum sia izoliĝo sur la monto, li estis konceptinta la Libron pri la Certeco (Kitab-el-Ikan). Li aldonis al sia verko leterojn, kiujn li sendis al ĉiuj potenculoj. De Andrinoplo li skribis al la papo, al la reĝino Victoria, al la reĝo de Prusujo, al Napoleono IIIª.

Kelkaj el tiuj leteroj famiĝis pro la profetaj avertoj, kiujn ili enhavis: ekzemple, en 1868, Baha-Ullah anoncis al Napoleono IIIª la baldaŭan falon de l'imperio, kaj al la papo la perdon de lia landopovo. Post Andrinoplo, la Bahaanoj estis internigitaj en la fortikaĵo St. Jean d'Acre; ili vivadis en malpuraj kazernoj kaj estis atakataj de la malsanoj. Ili ne ribelis, ne plendis. La turka registaro fine konsentis al ili relativan liberecon en la teritorio de St. Jean d'Acre. Tie Baha-Ullah skribis siajn lastajn verkojn: „La Sanktega Libro", la „Kaŝataj Vortoj", k. a. Unika ekzemplo estis la komunumo de St. Jean d'Acre, kie ĉiudevenaj homoj frate kunvivis; neniam la turka juĝistaro havis okazon sin okupi pri ili.

Baha-Ullah tie mortis en 1892. Lia filo Abdul-Baha daŭrigis lian taskon. La sultano redonis la liberecon al la Bahaanoj. En la nuna tempo, la plimulto de la Persoj plimalpli konvertiĝis al la movado; aktivaj centroj de la Bahaismo en la grandaj urboj de Eŭropo, Ameriko kaj Azio sin okupas pri la propagando de la ideoj pri liberalismo kaj homa frateco, kiuj estas la fundamento de la doktrino.

*(Daŭrigota.)* Laŭ *Ch. Baudoin.*
Trad.: *A. R.*

## La arto de rusaj vilaĝanoj

— — Vi venas iun rusan vilaĝon. La vojo estis tiel malbona, ke vi sentas veran suferĉeson, elirante el „tarantaso"[1]. Infanoj preskaŭ nudaj ĉirkaŭas vin, mordetante sekan nigran panon. Singarde vi supreniras la parte jam putran ŝtupareton kaj eniras en la „izba"-dometon, nigran pro la fumo kaj aĝo. Apud la fenestro vilaĝano prilaboras per tranĉilo pecon de blanka ligno . . . Li skulptas ĉevalon, veran majstrajeton.

— Kiu lernigis al ci tion?

— Ni ĝin scipovas de patro al filo . . .

Kaj la „mujiko"-artisto ekrigardas vin per siaj sinceraj okuloj . . . Bovino post la fenestro konfide rigardas la laboranton per siaj rondaj okuloj. Ritmaj kantoj resonas en la aero, parfumita de fojno. Oni ekvidas la sangoruĝajn jupojn de vilaĝaninoj, dorsflekse, en legomĝardeneto . . . La viroj estas sur la kampoj, escepte la maljunan vilaĝanon, kiu fabrikas artajn ludilojn en la „izba". Tian fabrikanton oni nomas „kustaro". Tiun ĉi nomon oni uzas por ĉiu metiisto, kiu manfaras iajn objektojn, — absoluta antitezo de ĉiuj terminoj, uzataj por nomi laboriston de fabriko.

La esprimo „kustaro" devenas de la vorto „kust", kiu signifas „arbetaĵo" (de saliko) ĉar el la branĉplektaĵo estis nature la unuaj faritaĵoj de la vilaĝanoj. Pro la eksterordinara vasteco de Ruslando kaj la ekstrema malfacilo de interkomuniko, la „kustari" fariĝis des pli gravsignifaj, ju malpli da facilo estis por la disvastiĝo de la faritaĵoj permaŝinaj. Jam en la XIª kaj XIIª jarcentoj oni trovas ellaboraĵojn vere rimarkindajn, faritajn per la manoj de tiuj mirindaj metiistoj. La „ikonoj", sanktaj bildoj pentritaj de tiamaj monaĥoj, povas esti konsiderataj kiel ĉefverkoj de la Bizanca skolo, ĉar de la arta vidpunkto, tiuj ĉi monaĥoj restis fidelaj disĉiploj de la skolo de monaĥejo sur la monto Atoso.

La influo de tiu skolo estas sentata ankoraŭ niatempe.

En la XIª kaj XIIª jarcentoj la „kustari" faradis paradvestojn por riĉaj „bojaroj"[1], por altnobeloj kaj caroj mem. Iuj el tiuj ĉi antikvaĵoj, konservataj en muzeoj de Rusujo, estas veraj mirindaĵoj. La samon oni povas diri pri admirindaj orelringoj kaj pendjuveloj tiutempaj.

La fabrikproduktoj malinteresigis pri la manfaritaĵoj de vilaĝanoj; la riĉuloj kaj urbanoj ĉesis fari al ili mendojn. Nun, anstataŭ silko, oro, arĝento kaj multekostaj ŝtonoj, la „kustari" uzas plumbon, feron, tolon, argilon kaj lignon, sed la amo al la belo restis same viva en la spirito de tiuj ĉi humilaj metiistoj, kaj spite la tre malaltan prezon de iliaj faritaĵoj, ili penadas ĉiam atingi la tradician artecon.

Nuntempe la rusa vilaĝa industrio kalkulas pli ol 50 specialoj. En arbaraj regionoj 60,000 familioj sin okupas per la farado de veturiloj, bareloj, diversaj lignoplektaĵoj kaj kemia prilaborado de ligno. En Kostroma oni faras bastotapiŝojn por kovri la komercaĵojn.

Tutaj provincoj de la centro estas okupataj je la manindustrio de ledaj botoj, de ĉevaljugoj kaj feltaj piedvestoj. Ĉirkaŭ Nijni-Novgorod oni ellaboras varmajn peltojn el ŝafa felo, drapojn, tapiŝojn. Kvar mil familioj faras tie 20 milionojn da lignokuleroj. En Vjatka gubernio la vilaĝanoj ellaboras belajn artaĵojn el trunktuberoj de betuloj kaj pinoj. El tiu trunkaĵo oni faras cigaringojn, alumetujojn, kudrilujojn, ĉemizbutonojn, pipojn, k. t. p. — La virinoj teksas preskaŭ en ĉiuj regionoj el la lino kaj kanabo maldikan kaj fortikan tolon po tridek-kvin metroj semajne.

Puntoj, diversaj brodaĵoj sur tolo, ledo kaj aliaj ŝtofoj, toloj, koloritaj per vegetaj farboj, reliefigitaj ledaĵoj, diversaj argilaĵoj, stilaj mebloj, skulptitaj, desegnotranĉitaj kaj ornamitaj lignaĵoj, ĉizitaj metalaĵoj, elfaraĵoj el mamutosto kaj -korno, artaj ludiloj, filigranaj[2] kaj alispecaj juveloj, ornamitaj per multekostaj ŝtonoj, ikonoj, artaj laktoj, k. t. p. — jen nur aludo al tio, kion kapablas fari la rusaj vilaĝanoj, loĝantaj malproksime de la tiel nomataj civilizaj centroj kaj ofte ne legoscaj.

Tiom diversaj kaj originalaj estas la „kustaraĵoj" variaj laŭregione, ke oni ne povas imagi la tutan riĉecon de la arta vilaĝa industrio.

En fremdaj landoj oni konas precipe la „kustaran" ludilaron, faratan en Moskva gubernio. Naturveraj kaj amuzaj statuetoj, enhaketitaj en la mola ligno aŭ lerte kunmetitaj el pinkonusoj kaj musko, jungilaroj, ĉaroj, glitveturiloj, ĉevaltrioj („trojki"), kies meza ĉevalo havas la kolon enkadrigitan en alta ligna platarko vivkolore pentrita; mebletoj, etetaj balalajkoj[3], mastrumaĵoj, kia subtileco, kia arto, kia

[1] Veturilo, adaptita al tiaj vojoj, kies zorganto estas preskaŭ sole la naturo kaj uzantoj la ĉiutagaj kaj ĉiunoktaj veturantoj.

[1] Nomo de rusaj „nobeloj" antaŭ Petro unua.
[2] Plektaĵoj el oraj aŭ arĝentaj fadenoj.
[3] Popola trikorda muzikilo.

pacienco! Jen kverka glano: ĝi enhavas kvazaŭ polverojn kvindek-ses mastrumajetojn, bonege elĉizitajn.

Jen multinfanaj pupoj, aliaj en naciaj kostumoj, vestitaj de vilaĝaninoj. Jen bestoj, skulptitaj el ligno, k. t. p.

La desegnoj de puntoj, la brodajoj, galonoj, k. t. p. estas lernigataj de patrino al filino kaj ekzistas de multaj jarcentoj, reproduktantaj temojn de antikva rusa ornamado. La rusaj puntoj estas tre ŝatataj de la francaj industriistoj, pro la zorga laboro kaj la bonkvalito de l' fadeno. Ĉar la manlaboro kostas pli malkare en Rusujo ol en Belgujo, — Belgoj ŝatus farigi la „valensienan“ punton laŭ iliaj desegnoj, sed la puntindustrio de rusaj vilaĝanoj ne estas komerce organizita — tial Rusujo neniam povis garantii la liveron de gravaj mendoj. Plie, la rusa klientaro celas gardi la nacieccon de la „kustarajo“ kaj ne favorigas la fremdlandajn desegnojn. — La nuancoj de toloj, teksataj de la vilaĝanmoj, elmontras kunnaskitan inklinon al la duonnuancoj, la miksaj koloroj. Speco de ŝtofo, nomata „nabojka“, kies originala desegno, la koloroj kaj la kampareco ŝuldas pri tio, ke fabrikantoj de Londono kaj Parizo uzas ĝin por artaj mebloj — estas kolorataj per vegetaj farboj ankaŭ de la vilaĝanino, kiu faras el ĝi nur tri robojn por sia tuta vivo: unu antaŭ la edziĝo, duan por la posta vivo, trian por la ĉerko . . .

Moskva gubernio estas fama pro la lertefaritaj lignajoj, pentritaj, desegnitaj, tranĉitaj, skulptitaj kaj ornamitaj. La „kustaro“ elektas, kiel ornamon, precipe kokojn helegkolorajn, ĉevalojn, hundojn, kampojn kovritajn de oraj spikoj de matura greno aŭ de blanka neĝmantelo, vojetojn serpentantajn tra la arbetaroj, vilaĝojn, sonorilturojn de ortodoksaj preĝejoj, blankajn murojn de monaĥejoj aŭ de antikvaj kremloj. Pentrajetoj sur lignajoj reprezentas ankaŭ scenojn el la vivo de l' popolo, laŭnatura kaj simpleca.

Diversaj kalikoj el ligno, nigrigita per speciala procedo — trempado en akvo, — imitas la antikvan kalikon de bojaroj, uzatan por ĉerpi dumfestene la tradician „braga“ (speco de biero hejmpreparita).

La „kustaro“ estas ne nur manfaristo, sed vera kreanto, kiu utiligas materialojn donitajn de la naturo por prilabori objektojn laŭ la tradicioj kaj la procedoj de siaj prauloj. Oni povas klare distingi la karakterizan influon de diversaj regionoj, de klimataj kondiĉoj kaj de ĉiuj similaj cirkonstancoj sur la kamparaj manfaristoj. La „kustaro“ el Uralo aŭ Kaŭkazo, kie abundas le metalaj mintavoloj kaj gemoj ne tre multekostaj, prilaboras precipe juvelojn. La „kustaro“ de Ukraino, kie oni trovas grandajn kvantojn da diversaj argiloj, faras precipe potajojn.

La necesan geometrian konon la „kustaro“ havas de la naturo mem, ĉar sen helpo de cirklo aŭ ortilo, li konstruas matematike cirklon, ovalon aŭ kvadraton, dividas ilin egalparte kaj senerare fiksas la ekzaktan punkton. La laboro distingiĝas ne nur per zorga pureco, sed ankaŭ per la subtileco de desegnoj, la riĉeco de imago kaj la perfekta harmonio de la koloroj.

Eĉ dum longaj malmildaj vintroj rusa vilaĝano multe laboras ekstere, tamen ne tiom, kiom somere: li trovas tempon por manlaboroj en sia „izba“; tio lin interese okupas kaj donas plian vivrimedon. Tiamaniere pli ol 15 milionoj da kamparaj manfaristoj estas okupataj dumvintre, kaj jare ili produktas por kvar miliardoj da frankoj, spite la moderecon de la prezoj. La ekonomia graveco de tiu ĉi industrio estas do konsiderinda por la vilaĝanoj mem same kiel por la tuta lando. Plie, de la morala vidpunkto, ĝia influo ne estas malpli grava, ĉar ĝi altigas la intelekton kaj bondirekte civilizas la kamparanojn.

La registaro mem ne restis indiferenta al la manlaboremo de la vilaĝanoj. Multfojaj monhelpoj, farataj al la „zemstvoj“[1] ebligis ilin pligrandigi siajn deponejojn, kie la laboristo estas ĉiam certa, ke li povas deponi siajn faritajojn. La „zemstvoj“ fondas ankaŭ specialajn lernejojn, por instrui diversajn manlaborojn, serĉi vendolokojn por la komercajoj, havigi kreditojn al la metiistoj, k. t. p. Tiamaniere loĝantaroj de tutaj regionoj havas vivrimedojn; oni vidas tion precipe en la gubernioj Smolensk, Tver, Jaroslavl, Moskvo, Vladimir, Nijni-Novgorod, Voronej, Ufa, Perm, k. t. p.

Muzeoj, malfermataj ĉiutage, kaj oftaj ekspozicioj lernigis al la rusa publiko kompreni la valoron de la kamparaj metiistoj kaj precipe kompreni la superecon de la manlaboro rilate al la fabrikejajoj.

Ankaŭ bieneguloj ofte emas helpi siajn terkulturistojn kaj fondis tiacele specialajn lernejojn, kun profesoroj kaj artistoj, kies konsiloj ebligis al certaj fakoj de „kustara“ laboro atingi rimarkindan artecon. Tamen oni konstatis, ke antaŭ ĉio oni devas zorgi pri tio, ke la laboroj de la vilaĝanoj konservu sian originalecon, rezultantan el la progreso, kiu postulis multajn jarcentojn por sia disvolviĝo, kaj kiu donas specialan stampon al tiu ĉi industrio esence rusa.

Pro tio la metiejoj kaj lernejoj celas precipe perfektigi la teknikon de la diversaj artfakoj: ekzemple, anstataŭ uzi argilon, miksitan de sablo por ilia vazaro, kovrita ĝis nun de kruda lako, la Ukrainaj potfaristoj komencas uzi delikatan kaj helan kompaktan argilon, kovratan per bela lako. Tio ebligos iliajn produktojn konkuri ĉe eŭropaj vendolokoj kun la fajencoj de Urbino aŭ la grejsoj de Vallauris, Dresdeno aŭ Schwarzwald.

La Germanoj kun sia komerca flarkapablo baldaŭ ekŝatis la tutan valoron de la rusa industrio. La ekspozicio de la „kustaroj“ en la Berlina magazenego de Wertheim havis grandegan sukceson, sed ĝi estis multe difektita per tio, ke la germanaj industriistoj faris maŝinajn imitajojn de iuj el la rusaj modeloj kaj malkarege vendadis tion en Germanujo.

La rusa vilaĝa industrio estis ĉiam destinita ludi gravan rolon en la ekonomia disvolvo de Rusujo. Nun, kiam la nacia spirito de la Rusoj estas speciale vekata, oni ankoraŭ pli atentos al la artkapabloj de la rusaj vilaĝanoj.

*Nataŝa Rostova.*
Trad.: *A. Ŝ.*

---

## La industria disvolvo de Ĥinujo

Unu el la plej gravaj rimarkindajoj de la ekonomia vivo en Oriento estas la rapida industria disvolvo de Ĥinujo depost kelkaj jaroj. Apenaŭ estas enkondukita nova artikolo en Ĥinujo kaj ĝi trovis bonan konsumon, ekstaras jam enlandaj laborejoj, kiuj provas la fabrikadon de la novaj komercajoj. Tiel ekzemple, post la efikoj de la revolucio tuŝantaj ĝis en la kutimoj de la ĉiutaga vivo oni esperis grandan konsumon de ĉapeloj kaj ĉapoj kaj faris grandajn importojn de tiuj artikoloj. Tamen, ĉe la daŭre forta postulo la ĥinoj baldaŭ spertis, ke la enlanda fabrikado de ĉapeloj kaj ĉapoj estus pli malkara kaj tuj fondiĝis granda nombro de ĉapelfabrikejoj, tiel ke la importitaj aferoj devis esti vendataj plejparte kun perdo. Tute similaj estis la cirkonstancoj por ŝuoj, trikotajoj, por koton- kaj lanajoj, sapoj k. t. p. Tute simple la ĥinoj klopodas tiel multe kiel eble kopii la fremdajn importitajn komercajojn kaj fariĝi kiel eble pli mem-

[1] Gubernia aŭtonoma administrantaro starigita de post la jaro 1864 (pli ol 50 jaroj).

staraj per la fondo de propraj industrioj por la provizado de aferoj de ĉiutaga bezono. Nur industrioj kun kvalita laboro aŭ industrioj, por kiuj Ĥinujo ne disponas la necesajn materialojn, povas ankoraŭ kalkuli je ne malgrandigita importo.

En la Washington'a „Commerce Reports" estas videbla el artikolo de la amerika ĝeneralkonsulo en Hongkong, ĝis kia grado la eŭropa milito akcelis tiun ĉi evoluon. La milito malfaciligis la importon de fremdaj komercajoj, la altaj transportaj pagoj signife altigis ties prezojn; dume aliflanke la altaj transportaj pagoj kaj malfacila eksporto malhelpis la konsumon de ĥinaj produktoj en eksterlando kaj la ĥinaj fabrikantoj kaj eksportantoj pro tio estis devigataj labori pli por la enlanda vendado kaj ekpreni la fabrikadon de la ĝis nun importitaj komercajoj. La produktado okazis ĉefe en malgrandaj laborejoj, sen vaporforto kaj sen maŝinoj, plej multe nur per manlaboro, sed en ĝia tuto ĝi estis sufiĉe granda, por povi iom post iom forpuŝi eŭropajn, amerikajn kaj antaŭ ĉio japanajn komercajojn. La plimulto de tiuj ĉi ĥinaj industrioj laboras kun ĥina kapitalo kaj sub ĥina gvidado. La Honkong'a blua libro por 1916 notas 1972 industriajn laborejojn en Ĥinujo kontraŭ 1862 en la jaro 1914, Ili apartenas al 68 diversaj industriaj klasoj, dum oni kalkulis antaŭ du jaroj nur 61. Unuj montras malprosperon pro la malhelpantaj efikoj de la milito, dum aliaj ŝuldas al ĝi sian progreson. Al la lastaj apartenas unuavice la fabrikado de instrumentoj, mebloj, horloĝoj, trikotaĵoj, kartonaĵoj, sapoj, ŝnuraĵoj. La nombro de la laborejoj por la fabrikado de stanaĵoj altiĝis de 60 al 90, la nombro de la salfarejoj de 5 al 25. En la pasinta jaro oni fondis ankaŭ la unuan pajlĉapelan fabrikejon. Interalie malprosperon montras, plejparte sekve de mankanta postulo flanke de la eksterlando, la fabrikado de bambu-, kupr- kaj ferajoj. La industria disvolvo ne estas ĉe la gravaj koloniaj punktoj, sed en la distrikto de Hongkong, ekzemple, prefere en la kamparaj, specife ĥinaj partoj de la kolonio. La venontaj du- tri jaroj povas alporti al Ĥinujo ankoraŭ grandajn progresojn, tiel ke oni devas kalkuli post la milito, ĉe la rekomenco de la pli fruaj komercaj interrilatoj kun Ĥinujo, je rimarkindaj industriaj kaj komercaj ŝanĝoj. Tiuj ĉi havos gravan signifon por la ŝtal- kaj kotonindustrio. En Hankow ekzistas grandegaj ŝtalejoj, de kiuj oni atendas la plej malkaran ŝtalan produkton en la mondo.

Pri la amplekso de la ĥina kotonindustrio raportas en la „Commerce Reports" la amerika ĝeneralkonsulo en Shanghai, la ĉefcentro de la ĥina kotonindustrio. Kiel ekzemplo de ĝia disvolvo li citas la dum la lastaj du jaroj starigitajn kotonfabrikejojn en Wusih. Ili disponas kapitalon da 500,000 dolaroj, el kiuj estas enpagitaj 400,000 dolaroj. La nombro de la spindeloj atingas nuntempe 15,000 sed ĝi povas esti altigata al 250,000. Multaj ŝpinejoj estas ligataj kun teksejoj, post kiam la pasinta jaro montris ke tiaj miksitaj laborejoj pli bone likvidis ol ŝpinejoj, kiuj suferis pro la altaj kotonprezoj kaj la politikaj tumultoj de la jaro 1915. Koncerne la havigon de la kapitaloj, la industrio estas devigata preni el la enlanda mono. La nunaj kurzoj faras la financigon de tiaj entreprenoj tre profita kapitaldepono por ĥinoj, sed iom riska por la eksterlandano kalkulanta kun oro; malgraŭ tio la estontaj ŝancoj estas tre bonaj por ŝpinejoj kaj teksejoj.

Trad: *Marg. Iv. Krestanoff.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **La ekonomiaj perspektivoj post la milito.** — En la sveda ekonomia revuo *„Economist Tidscrift"*, S-ro B. Hamilton, sekretario de la Komerca Ĉambro en Gavle, aperigis interesan studon. Pro manko de oficialaj statistikoj, la aŭtoro uzis la dokumentojn de la Dana Societo por la esploro de la sociaj militkonsekvencoj.

Pri Germanujo, S-ro Hamilton, enkalkulante la hom- kaj kapitalperdojn, taksas post milito de tri jaroj kaj duono la malplivaluton de la produktado je 13 %. Pri Francujo li, post la samaj kalkuloj, taksas ĝin je 27 % kaj pri Anglujo je malpli ol 13 %.

El la milito rezultos rasa malfortiĝo, sekve malakcelo de la ekonomia disvolvo. Aliparte la regenera forto montriĝos granda ĉiulande, sekve la deficito en la produktado verŝajne ne daŭros pli ol dek jarojn.

La malpliiĝo de la produktado kaŭzos, laŭ la ekonomiaj leĝoj, pliialtiĝon de la prezo de l' vendaĵoj. Sed tuj kiam pligrandiĝos la produktado, la prezoj malsupreniros.

Rilate al la postmilita stato de la laborpeto kaj -propono, S-ro Hamilton konsideras la jenajn faktorojn:

1. Ĉar la malhelpoj kaŭzitaj de la milito rilate al la produktado ekz. la interrompo de gravaj komunikoj, malaperos, la prezoj malaltiĝos pro la la kresko de la „laborproponoj".

2. Se la reokupiĝo de la mobilizitoj ne estas praktike organizota, rezultos gravega krizo de senlaboreco, kaj tiuokaze la prezoj falegos. Tiun krizon povos eviti nur racia organizo, ne sole koncerne la militistojn, sed ankaŭ rilate la municiajn laboristojn.

3. La halto de la militindustrioj malfortigos la laborpeton, kio helpos al la malpliialtiĝo de l' prezoj.

4. La paca produktado devos kontentigi multajn novajn bezonojn. La demando estas, ĉu la el tio rezultonta laborpeto estos sufiĉe forta por egalpezi la malaltiĝemon de la prezoj. S-ro Hamilton tion ne kredas.

„Li do konkludas, ke la prezoj malaltiĝos tuj je la fino de l' milito.

„Al malaltiĝo de la prezo de l' vendaĵoj, korespondos malaltiĝo de l' salajroj, sed tiu reago tute ne estos paralela, ĉar la salajroj pagitaj dum la milito ne egalpaŝe sekvis la pliialtiĝon de l' vendaĵoj."

Ni esperu, ke la ekonomiistoj malpli eraros pri la postmilitaj kondiĉoj ol ili antaŭ kelkaj jaroj eraris pri la dummilita ekonomia stato. — *P. G.*

∴ **Ŝanĝoj en la Nederlanda konstitucio.** — La 12 decembro la Nederlanda konstitucio ricevis kelkajn notindajn ŝanĝojn, el kiuj kelkaj prezentas intereson ankaŭ por eksterlanda publiko. Jen la plej gravaj el ili:

1. Virinoj povas esti membrinoj de la parlamento, de la provincestraroj kaj de la komunumestraroj. — 2. Por esti membro de la Unua Ĉambro de l' parlamento, sufiĉas la samaj kondiĉoj kiel por esti membro de la Dua Ĉambro. — 3. Ĉiuj viroj, kiuj havas la aĝon de almenaŭ 23 jaroj, havas voĉdonrajton kaj estas devigataj plenumi tiun rajton. — 4. La leĝo povas doni al la virinoj la aktivan voĉdonrajton. — 5. Ekzistas proporcia reprezentado. — 6. La instruado estas libera, kondiĉe ke la instruantoj plenumu la kondiĉojn pri kapableco kaj moraleco. Ankaŭ la privata instruado povas ricevi la monsubtenon de la ŝtato. — *C. Chr. Droogendijk.*

# LITERATURO

## Ni dividos

Porinfana rakonto de Leo Tolstoj

La 30 septembro 1910, la lastan festotagon de sia naskiĝo, L. Tolstoj rakontis tion al infanoj en Kočety, bieno de sia filino, kiu notis la rakonton. La rusa originalo estas eldonita kun du ilustrajoj, faritaj de talenta rusa pentristino Elizaveta Bem. *A. Ŝ.*

Veturis en kaleŝo knabineto kaj knabeto el unu vilaĝo al alia. La knabineto havis kvin jarojn, la knabeto ses. Ili estis gekuzoj: iliaj patrinoj estis fratinoj samgepatraj. La patrinoj restis en vizito kaj forsendis la infanojn kun la vartistino hejmen. Kiam ili veturadis tra la vilaĝo, ĉe la kaleŝo rompiĝis rado. La kuĉero diris, ke li ne povas plu veturigi, ke li devas zorgi pri la riparo kaj ĝi estos rapide farita.

— „Mi profitos la okazon", diris la vartistino, „ni veturis tiom longe, la infanetoj malsatas; mi manĝigos al ili lakton kaj panon; oni donis ja tion al ni."

Estis aŭtuna malvarma tago, ekpluvis. La vartistino kun la infanoj eniris en la unuetrafitan vilaĝan kabanon. La kabano aspektis nigre: oni hejtadis sen tubo. Dum la hejtado en tiaj kabanoj oni malfermas la pordon, la fumo eliras tra la pordo, ĝis la forno estos elhejtita. La infanoj eniris tian kabanon: malpuran, kadukan; la planko briladis per fendoj ... En unu angulo pendis ikoneto; sub la ikoneto staris benkoj kaj tablo; kontraŭ la tablo troviĝis granda forno.

Antaŭ ĉio la infanoj ekvidis siajn samaĝulojn: nudpiedan knabineton, vestitan nur per malpura ĉemizaĉo, kaj dikventran knabeton, preskaŭ nudan. Tria infano, unujara knabineto, kuŝis sur la ĉeforna benko kaj laŭte ploradis. La mastrino konsoladis ŝin, sed ĉesis, kiam eniris la vartistino kun la infanoj kaj komencis ordigi por ili lokon en la ĉefangulo sur la benkoj kaj la tablo. La vartistino alportis el la kaleŝo sakon kun brila seruro; la vilaĝanaj infanoj miris je tiu ĉi seruro kaj manmontradis ĝin unu al alia. La vartistino eltiris el la sako botelon „termos" kun varma lakto, panon kaj puran tablotukon; ŝi metos tion orde sur la tablo. — „Venu, infanetoj! Vi estas ja malsataj!" vokis ŝi.

Sed la infanetoj ne volis veni. Sonja fikse rigardadis al la duonnudaj vilaĝanaj infanoj, jen al unu, jen al alia. Neniam ŝi vidis tiel malpurajn ĉemizojn kaj tiajn nudajn infanojn, ŝi miris pri ili. Petja rigardadis jen al ŝi, jen al la vilaĝanaj infanoj kaj ne sciis, kion li devas fari: ĉu rigardi, ĉu miri. Aparte atente Sonja rigardadis la laŭte kriantan knabineton sur la ĉeforna benko.

— Kial ŝi krias? demandis ŝi.

— Ŝi malsatas, diris la patrino.

— Donu al ŝi manĝi.

— Mi donus, sed ne havas.

— Nu, nu, venu, diris la vartistino, kiu dismetadis la tranĉitan panon.

— Venu, venu, kolervoĉe ripetis la vartistino.

La infanoj obeis kaj alpaŝis. La vartistino plenigis iliajn glasetojn per lakto kaj donis kun pantranĉajoj, sed Sonja ne volis manĝi; ŝi forpuŝis sian glason. Vidinte tion, Petja faris la samon.

— Ĉu ĝi estas vera? diris Sonja, manmontrante la mastrinon.

— Kio — vera? demandis la vartistino.

— Ke ŝi ne havas lakton, diris Sonja.

— Kiu tion scias? Ĝi ne estas nia afero, vi manĝu!

— Mi ne manĝos, diris Sonja.

— Mi same, diris Petja.

— Donu al ŝi, diris Sonja, ne deturnante la okulojn de la knabineto.

— Ĉesu babili, diris la vartistino, manĝu! La lakto malvarmiĝos.

— Mi ne manĝos, ne manĝos, subite ekkriis Sonja, hejme ankaŭ ne manĝos, se ci ne donos ...

— Manĝu vi unue, mi donos al ŝi la restaĵon.

— Mi ne manĝos, antaŭ ol ci donos al ŝi.

— Mi same, mi same, jesis Petja. Neniel mi manĝos ...

— Vane vi elpensis tion kaj babilas, diras la vartistino, ĉu oni povas egaligi ĉiujn? Dio scias al kiu doni, kaj donis al via paĉjo.

— Kial Li ne donis al ili? diris Sonja.

— Ni ne povas juĝi pri tio, tiel volas Dio, diris la vartistino. Ŝi verŝis iom da lakto en tason kaj donis al la mastrino por ŝia knabineto. La knabineto komencis trinki kaj kvietiĝis. Sed la gekuzetoj ne restis trankvilaj. Sonja ĉiam volis nek trinki, nek manĝi.

— Dio tion volas, ripetadis ŝi, kial Li tion volas? Malbona Dio, mi neniam preĝos al Li pro tio.

— Malbone vi parolas, balancante la kapon, diris la vartistino. tre malbone, mi plendos al via paĉjo.

— Plendu, diris Sonja, nun mi komprenis, ke tio ne devas esti.

— Kio ne devas esti? demandis la vartistino.

— Ke iuj havas multon — aliaj nenion.

— Eble, Dio intence tion faras, rimarkis Petja.

— Ne, Li estas malbona. Mi nek trinkos, nek manĝos. Mi ne amas Dion, diris Sonja.

Subite de la forno ekparolis raŭka voĉo, interrompita de tuso: „Eĥ, infanetoj, vi estas bonaj, sed vi parolas malsaĝe." — Denove li ektusis. La infanetoj ekrigardis atente al la forno kaj ekvidis grizharan kapon kun sulkokovrita vizaĝo. La maljunulo diris: „Dio ne estas malbona, infanetoj. Li estas bona, amas ĉiujn. Ne Li starigis, ke iuj manĝas bulkojn, dum aliaj havas nenian panon. Tion faris homoj, ĉar ili Lin forgesis," denove li forte ektusis. „Homoj forgesis, ke iuj vivas lukse, dum ceteraj suferas. *Se oni vivus laŭ Dia ordono, ĉiuj havus sufiĉe.*"

— Kiel fari, por ke ĉiuj havu sufiĉe? demandis Sonja.

— Kiel fari? malklarsone diris la sendentulo. Oni faru, kiel Dio ordonas. Li ordonas — *dividi kun aliaj.*

— Kiel, kiel? demandis Petja.

— Dio ordonas, dividi kun aliaj.

— Ordonas dividi kun aliaj, ripetis Petja. Kiam mi estos granda, mi tiel faros.

— Mi same, konfirmis Sonja.

— Mi diris antaŭ ci, ke mi faros tiel, diris Petja, mi tiel faros, ke ne estu malriĉuloj.

— Ĉesu babili vane! diris la vartistino. Trinku la lakton, kiu restas.

— Ni ne trinkos, ne trinkos, ekparolis samtempe la infanoj, kaj kiam ni elkreskos grandaj, ni nepre faros tion.

— Brave, infanetoj! diris la maljunulo kaj ekridis tiel, ke montriĝis nur du malsuperaj dentoj; mi jam ne vidos, kiel vi faros. Bone vi elpensis, helpu al vi Dio!

— *Oni faru kontraŭ ni kion ajn,* diris Sonja, tamen ni faros.

— Ni faros, konfirmis Petja.

— Bone, elparolis la maljunulo, ekridis kaj forte tusis. *Kredeble, mi admiros vin el la alia mondo,* elparolis li, kiam la tuso estis kvietiĝinta, nepre ne forgesu!

— Ni ne forgesos, diris la infanoj.

— Bone, restu fidelaj!

La kuĉero venis diri, ke la rado estas riparita, kaj la infanoj forveturis.

*Kio okazos estonte, ni ĉiuj vidos.*

Trad.: *A. Ŝarapov.*

## *Al niaj abonantoj*

*La plimulto de la abonoj al nia gazeto finiĝis en la monato decembro. Ni tre petas niajn legantojn, ke ili bonvolu sendi sian reabonon tuj post la ricevo de tiu ĉi N-ro (5 Fr., svisa valoro, por la ordinara eldono; 6. 25 Fr., por la luksa eldono).*

# Feliks Moscheles

La majstron jus sekvis al morto lia granda kaj fidela amiko Feliks Moscheles, pri kiu Zamenhof skribis jam en 1905:

„Ekzistas homoj, al kiuj la aĝo blankigas la harojn, sed tute ne tuŝas la koron, kiu restas ĉiam en plena freŝeco kaj juneco, kaj ĉiam kun egala forto batas por ĉio bela kaj bona. Ĉiufoje kiam mi vidas tiun homon, mi diras al mi: *jen estas bela minuto en mia vivo.*"

Tiujn minutojn D-ro Zamenhof tutkore ĝuis en ĉiu kongreso, kiam li sidis apud la blankhara prezidanto de Londona Esperanto-Klubo. Pro tiu sankta amikeco, pro lia nobla karaktero kaj pro lia fidela subteno al nia movado, Feliks Moscheles lasis en ĉiuj Esperantistaj koroj tre varman lokon. Tie doloras nin hodiaŭ ĉagreno, kie troviĝis hieraŭ nur dolĉaj rememoroj.

Sur ŝipferdeko apud la Majstro, en kongresa vesperfesto kun lia ĉarma edzino, en Londono ĉe lia neforgesebla pentrejo, ĉie brilis lia luma rigardo, ĉie sonis modeste kaj sprite liaj ĝentilaj vortoj de bonveno.

Ĉiu konis, ĉiu amis lin. Filo de fama muzikisto Moscheles, baptofilo de Mendelssohn, li sciis vidi en vivo la belon. En siajn pentraĵojn li metis tiun idealon, kiun li ŝatis malkovri ĉe ceteraj tiom avide kiom li ĝin konservis ĉe si. Antaŭ ĉio rimarkiĝas la okuloj en liaj portretoj de Zamenhof kaj de Mazzini.

Pli ol artisto, pli ol hebreo, li estis ja *homo*, kaj fervora civitano de l' granda rondo familia. Kiel Lamartine li ja povis diri:

Kun ĉiu hom' pensanta
Mi estas samlandano.
Patrujo mia? — La vero!

Konata en tuta mondo kiel pacamanto, li ĉiusomere pilgrimis al ambaŭ kongresoj de Paco kaj Esperanto.

Famajn virojn kaj virinojn li mem konis persone sur tuta kontinento de malnova Eŭropo nia. Ĉiujn allogis lia ĉarmo kaj la viziton ili refaris. En lia mirinda hejmo en Londono renkontiĝis samtempe itala poetino, aktoro norvega, idealisto rusa, franca oratoro. Al ĉiuj li rekomendis Esperanton. Li mem agrable parolis la lingvon.

En ĝi li vidis ĉefe la potencan vastigilon de l' interna ideo. La nuna milito kaj la morto de Zamenhof ĵetis nigran pezon en lian delikatan animon. Li ne fidis je sukceso de venkoj por starigi pacon kaj justecon. Lin vundis la blovegoj de ŝovinismo. Kiel nia majstro li rifuzis fidi je alia solvo krom internacia edukado al amo kaj al laboro komuna.

En 1913 honoris lin anglaj progresemaj rondoj per solena festo. En sia dankparolado li donis al Esperanto la unuan lokon. Fidela ĝis lasta minuto li propagandis nian lingvon.

Hodiaŭ ni perdas lin, sed inspiro lia restas kaj ankaŭ la fervoroj aŭ talentoj, kiujn li malkovris kaj kuraĝis ĉe ceteraj. Efektive kia maljunulo pli ol li ŝatis serĉadi kaj ame kreskigi la kaŝitajn fortojn inter la junularo?

Ankaŭ lia edzino restas, amata, fidela, ĉiutaga kunlaborantino de tiu senlaca pilgrimanto al idealo. Kun lia bildo vivas en niaj koroj la delikata junfreŝa profilo de lia ĉiam nove afabla amikino sur la vojo de l' vivo.

Al ni, al nia movado, S-ino Moscheles restas ligata per tuta koro kaj dum ni ploras kun ŝi kaj sendas al ŝi nian doloran simpation, ŝi skribas en nia lingvo tiun leteron, kiun ricevis UEA antaŭ kelkaj tagoj en Ĝenevo:

„Des pli malaperas aĝaj Esperantistoj, des pli la vivantaj devas labori kaj teni alte nian grandan, belan, gravan standardon!"

*Edmond Privat.*

Feliks Moscheles naskiĝis en Londono la 8 februaro 1833, kaj estis la filo de komponisto kaj baptofilo de Feliks Mendelssohn, kiu okaze de lia naskiĝo komponis sian faman „Lulkanton". Li konis kelkajn el la famuloj de l' XIXa jarcento: Chopin, Wagner, Mendelssohn, Gladstone, kaj reformistojn kiel Kropotkin, Keir Hardie, George Jakob, kies portretojn li faris. Li estis talenta pentristo kaj metis sian artistan kapablon je la servo de sia homa idealo. Moscheles estis tre konata en la pacifistaj rondoj: li estis la plej malnova membro de la Konsilantaro de l' Internacia Pac-Oficejo, prezidanto, dum multaj jaroj, de la asocio por internacia arbitracio, komitatano de multaj pacifistaj organizaĵoj. Li fariĝis Esperantisto en 1902, kaj spite sia tiama aĝo (ĉirkaŭ 70) li tuj fariĝis entuziasmulo por nia afero. Li estis Prezidanto de la Londona Klubo de ĝia fondiĝo (1903), kaj ĝin regule vizitis ĝis kelkaj monatoj antaŭ sia morto. Li ankaŭ estis dumviva membro de UEA, kaj ano de la Lingva Komitato, kiun li ofte helpis per siaj konsiloj lingvaj.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Federacio Esperantista de Lancashire kaj Cheshire[1]

La tria konkursfesto, aranĝita de ĉi tiu Federacio, estis speciale por geknaboj sub la aĝo de 15 jaroj; ĝi okazis en la Urbodomo Eccles, Lancashire, je la 1 decembro 1917. Dum kelkaj monatoj oni instruis Esperanton al la geknaboj en la Green Lane- kaj Beech St.-lernejoj en tiu ĉi urbo, kaj la plej multaj el la enskribitoj ĉe la konkursfesto apartenas al ĉi tiuj lernejoj.

La Urbestro de Eccles, Councillor Hallsworth, malfermis la feston per kontentigaj vortoj, bonvenante la delegitojn, kiuj ĉeestis el la diversaj grupoj en la Federacio. Li esprimis la deziron kaj esperon, ke la afero estos granda sukceso, kaj sentis sin fiera, ke lia urbo estis la unua en la lando por enkonduki Esperanton en la lernejojn. La Prezidanto de la Federacio, S-ro J. D. Applebaum, anoncis, ke entute 135 geknaboj enskribiĝis en la diversaj konkursoj, kiuj enhavis literaturajn, deklamajn kaj kantajn partojn. Ges-roj Blaise (Londono) tre komplezе juĝis la literaturajn konkursojn kaj raportante pri la verkoj de la geknaboj diris, ke ili estis tiel bonege faritaj, ke la juĝado estis sufiĉe malfacila kaj bezonis longan tempon kaj tre detalan kaj skrupulan atenton por alveni al kontentiga decido. La aljuĝoj faritaj de ili estas jene:

*Konkurso 1.* — Imaga korespondaĵo en Esperanto, entute ses leteroj, inter du infanoj, unu Angla kaj la alia Fina.

1. Wilfred Box, 14-jara; 2. John Roberts, 13-jara kaj Arthur Robinson, 13-jara; 3. Harry Rogers, 13-jara.

*Konkurso 2.* — Imaga konversacio en Esperanto inter angla knabo, perdita en Petrogrado, kaj rusa knabo, kiun li renkontis subite, kaj kies verdan stelon li vidis.

1. Wilfred Box, 14-jara; 2. Harry Rogers, 13-jara; 3. Lindon Evans, 13-jara.

*Konkurso 3.* — Traduko el la libro Esperanta „Travivaĵoj de Ro. Ŝo."

1. Lilian Peters, 13-jara; 2. J. Mc. Cormick, 13-jara; 3. Dorothy Plant, 13-jara.

*Konkurso 4.* — Traduko en Esperanton el angla legolibro „Books for the Bairns. No. 249.".

1. Wilfred Box, 14-jara; 2. John Roberts, 13-jara; 3. James Dawson, 13-jara.

[1] Ni dediĉas al tiu raporto pri federacia kunveno pli grandan lokon ol kutime, pro la speciala intereso, kiun ĝi prezentas, rilate al la ĝojigaj progresoj de nia afero inter la brita infanaro, sekve de la Eccles-eksperimento.

Speciala mencio estis farita pri la verko de Fraŭlineto Rita Applebaum, la okjara filino de la Federacia Prezidanto, S-ro Applebaum. Tiu ĉi verko estis mirinda peno de knabineto tiel juna, kaj preskaŭ atingis la rangon de premiito kaj atestitoj. Pro tio la afablaj juĝantoj sendis al ŝi specialan premion.

*Konkurson 5.* — Traduko en Esperanton de la angla poemo „The battle of Blenheim", by R. Southey.

1. John Roberts, 13-jara; 2. Harry Rogers, 13-jara kaj Arthur Robinson, 13-jara; 3. William Purslow, 13-jara.

La aljuĝo de la muzikaj konkursoj estis afable plenumitaj de S-roj J. Currie (Worsley), Horsley (Eccles) kaj Brown (Chorley), kies aljuĝo estis:

*Solkanto.* — „Kion diras la birdeto."

1. Hilda Hutchinson; 2. Beatrice Bethel; 3. Ella Holden kaj Fred Miles, egale.

*Ĥorkanto.* Kantata de Ĥoro de ses voĉoj. „La juna kor'." Premio gajnita de Ĥoro de ses knabinoj de Beech Street Council School, nome: Hilda Hutchinson, Ninnie Firth, Lilian Peters, Lavinia Morris, Grace Sutcliff, Kathleen Hopson.

La *parolaj konkursoj* estis ekstreme interesaj kaj montris en speciala maniero la lertecon de la konkurintoj. La aljuĝoj estis jene:

Paroladeto pri speciala temo elektita de la konkuranto.

1. John Roberts, 13-jara, temo: Mia plej favorata libro; 2. Wilfred Box, 14-jara, temo: Kiel mi lernis naĝi; 3. Harry Rogers, 13-jara, temo: Vizito al farmbieno.

Parola traduko de parto de simpla paroladeto en Esperanto.

1. Wilfred Box, 14-jara; 2. John Roberts, 13-jara; 3. Harry Rogers, 13-jara.

En la *deklama konkurso* 24 geknaboj sin enskribis por partopreni la deklamon de la poemeto „Patro Nia"; el tiuj la elektitoj estis: 1. John Roberts, 13-jara; 2. Kathleen Hopson; 3. Elsie Parkinson.

Du konkursintoj, Wilfred Box kaj John Roberts, estis egalitaj por la plej alta loko en la konkursfesto, kaj sekve oni decidis donaci al ĉiu medalon.

Post la konkursoj, la urbestrino, S-ino Hallsworth, disdonis la atestojn al la premiitoj, kaj dankesprimoj estis poste faritaj al ŝi, kune kun la urbestro kaj la juĝantoj pro ilia helpo.

Certe estas, ke tiu ĉi konkursfesto pruvis sen ia ajn dubo, kiel facile kaj rapide nia lingvo povas esti akceptata de la geknaboj.

Vizitantoj al la konkursfesto venis el Accrington, Barrow, Bolton, Chorley, Leigh, Liverpool, Manchester, Preston, St. Helens, Keighley, Northwich, Horwich, kaj Hastings.

Temanĝon oni havis en la sama konstruaĵo, post kio okazis koncerto kaj danco aranĝita de la Eccles grupo. Ĉi tiu enhavis „Morris"-dancojn de la knabinoj de Green Lane-lernejo, sub la persona kontrolo de la lernejestro, S-ro Sanderson, kaj komedieton speciale verkitan por ĉi tiu festo de la Eccles Prezidanto, Pastro R. H. Morgan, E. A. La prezentado estis lerte plenumita kaj montris la facilecon kaj la kapablecon de nia lingvo en teatraĵarto eĉ de la geknaboj.

Oni decidis, ke la proksima konferenco okazu en Bolton.

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Krakow:* Esp. kunvenoj okaze ĉiujaŭde vespere en kafejo „Esplanade", kien traveturantaj samideanoj estas speciale invitataj. *Krems a. D.:* Okazis memorkunveno je D-ro Zamenhof. S-ro Fr. Mestran paroladis. La gazeto „Kremser Zeitung" aperigis artikolon pri nia Majstro. — *Wartberg-Mürztal:* Estis aranĝata memorkunveno je D-ro Zamenhof; paroladis S-ro Tutsch kaj v. Lidl. Kvin kursoj nun okazas. — *Ostffyasszonyfa* (Hungar.): Militkaptito J. I. Artemov, N-ro 4856, Lager-Spital, gvidas kurson. (Li bezonas librojn kaj vortarojn.) — *Wien:* Okazis ekzameno sub la prezido de S-ro Macho; kvar personoj ricevis diplomojn.

## Belgujo.

*Gent:* S-ro Paul Nast, fondinto de la grupo „Kunfrateco", faras kurson en la „Commercial and Polyglott Institute".

## Danujo.

*Kopenhago:* La Centra Dana Esp. Ligo elektis kiel anojn de la Komitato por la venonta Skandinava Kongreso (6—10 aŭgusto 1918) F-inon Noll, S-rojn Hinrichsen kaj Israelsen. Ĝi decidis plialtigi la abonon al „Esperanto-Raporto" ĝis 1. 25 Kr. (1. 85 Kr. eksterlande). La konversacia Esp. Klubo aranĝas feston okaze de la dekjara datreveno de sia fondo. F-ino M. Noll faris paroladon en la teozofia loĝio Olcott.

## Germanujo.

La Saksa Instituto de Esp. (gvidanto: Prof. D-ro Dietterle), interkonsente kun G. E. A., kun la laborista Esp. unuiĝo kaj la Katolika-Unueco sendis al ĉiuj germanaj grupoj tre detalan demandaron pri la stato de la grupoj dum la milito, iliaj spertoj pri instruado, organizo kaj propagando, kaj iliaj ideoj pri postmilita agado. — *Amberg i. O.:* Fondiĝis grupo en la militkaptitejo. Adreso: S-ro Pierre Emile Louis, 4a Reg. Inf., 3. Gef. Komp. — *Ansbach:* F-ino M. Mark gvidas novan elementan kurson. — *Hirschberg:* Okazas du kursoj kun 15 anoj. Propagando estas farita per afiŝoj kaj en la kinematografejoj. — *Horrem* (Köln): S-ro Hausmann kaj F-ino Hausmann gvidas kurson. — *Leipzig:* S-ro Stucke faris paroladon en la lazareto en supera reallernejo. — *München:* Oni aranĝis kursojn kun pli ol 30 partoprenantoj gvidatajn de S-roj Hechtl kaj Koch. — *Siegburg:* S-ro Jung gvidas kurson kun 10 lernantoj.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La grupo „Nova Sento" aranĝis sukcesan vesperfeston, dum kiu oni ludis la katalun-esperantan komedion „La Esperanta infero", originale verkitan de samideano Gili Nordo, kies verko estis tre aplaŭdita. — *Santander:* La grupo „Juneco" elektis la jenan komitaton: Prez. E. Diego; vicprez. A. Cabas; sekr. J. E. Pedraz; vicsekr. A. Iturbe; kas. A. Tomas Iglesias; anoj F. Ugarte, A. Valbil. La grupo aliĝis al la Zamenhofa Federacio de Madrid.

## Nederlando.

*Harderwijk:* La asocio de Belgaj geesperantistoj daŭrigas sian agadon por la oficialigo de la Esp. kursoj en la tendaro. S-ro Zwaenepoel starigis perfektigan kurson por 20 lernantoj. Dum la unua ĝenerala kunveno S-ro Demeersman paroladis, dum la dua S-ro Bonabo. La grupo „Amikeco-Frateco" malfermis novan kurson. La estraro de la grupo „Espero-Paco-Progreso" konsistas nun el S-roj Bonabo, prez.; La Gravière, vicprez.; Libois, sekr. — *Zeist:* La 26—28 decembro okazis ekspozicio, kiun ĉirkaŭ 500 internigitoj vizitis. En decembro oni varbis 40 novajn adeptojn. Post novjaro rekomencis novaj kursoj kun 70 lernantoj.

## Polujo.

*Lodz:* La biblioteko enhavas 350 librojn. Ilin uzas 100 legantoj. En novembro estis aranĝita propagando-vespero vizitata de 600 personoj. Por novaj kursoj sin anoncis 60 lernantoj. — *Pabianice:* Esp. societo fondiĝis. S-ro E. Hübscher gvidas kurson kun 17 personoj. — *Tomaszów:* Je la datreveno de la naskiĝo de nia Majstro, estis aranĝita propaganda vespero, kiun vizitis 80 personoj. Kurso kun 26 personoj nun okazas. Notinde estas, ke la salono de la kunvenoj servis antaŭ 38 jaroj al D-ro Zamenhof kiel loĝejo okaze de vizito. — *Zgierz:* Ekzistas nun du grupoj kun 34 anoj.

## Portugalujo.

*Lisbono:* La ministro de la maraferoj, sekvante la ekzemplon de sia kolego de militaj aferoj, ankaŭ permesis, ke ĉiuj portugalaj marmilitistoj konantaj Esperanton, uzu la Esperantistan insignon. Jam du serĝentoj uzas ĝin. La 15 decembro fondiĝis en Lisbono nova grupo, laŭnome „Portugala Zamenhofa Grupo". Okazis solena malfermo prezidita de S-ro Martins d'Almeida, kaj paroladis reprezentantoj de Lisbona Esp. Grupo kaj Lisbona Esp. Societo.

## Rusujo.

*Blagoveŝĉensk* (Siberio): La revuo „Edinenie" (Unueco), organo de la Ligo de Studanta Junularo, malfermis Esp. fakon, direktatan de S-ro Koroviĉ. — *Kozmodemiansk* (Kazan): Nova societo „Antaŭen" fondiĝis; organizantoj estas gimnazianoj. — *Nikolajevskaja Sloboda* (Astraĥan gub.): S-ro Tiĥomov presigis bonan artikolon pri nia movado en la duonsemajna gazeto „Nova vivo". — *Petrograd:* Fondiĝis „Iniciata grupo de Fervojistoj-Esperantistoj" kun 25 anoj. Prez.: P. Soroko; sekr.: N. Jaĥonov.

## Svedujo.

*Skara:* La asocio „Excelsior", celanta la ĝeneralan plibonigadon de la popola kulturo, elektis specialan komitaton por la propagando de Esp. Ĝi decidis aliĝi al UEA kiel Esperantia Entrepreno. La gazeto de la nomita asocio publikigas artikolojn pri nia movado. — *Stockholm:* La grupo havis sian jarkunvenon kaj reelektis la malnovan estraron. La laborista grupo dissendis cirkuleron pri nia afero al la socialistaj organizaĵoj kun admono aliĝi al Esperantismo. Artikolon pri Esp. kaj UEA enhavis la gazeto „Friket".

## Svisujo.

*Genève:* La firmo Adler (viraj vestaĵoj), Rond Point de Plainpalais, elpendigis surskribon „Esperanto parolata". — *Locarno:* Ĉe la ĝenerala kunveno de la grupo, estis elektita la jena komitato: Prez. C. Gilá; vicprez. St. Pedrazzini; sekr. F-ino Berri; kas. F-ino Varenna; bibl. F-ino Aliatta. La movado estas prospera. Oni baldaŭ malfermos kurson por komencantoj kaj alian por progresintoj. — *Zürich:* La tri komercaj firmoj „A. Unger-Voellcks" (importado de nutraĵoj), „Boeglin Leclaire fils" (agentejo) kaj „Unger & Co." (Société d'importation et d'exportation „Commercia") praktike uzadas Esperanton.

## Ĥinujo.

*Peking:* Ĉe la Ĥina Nacia Universitato, Esp. estis enkondukata en la programojn. Prof. K. Ĉ. Sunfizo, prez. de Ĥina Esp. Asocio, gvidas kvin kursojn, ĉe kiuj partoprenas entute 300 lernantoj. Dank' al tiu decido, oni povas antaŭkalkuli fortan antaŭenpuŝon de nia lingvo en Ĥinujo.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Monsendoj dum la milito.** — Interesan sperton pri la nunaj internaciaj rilatoj faris la Centra Oficejo de UEA. En julio 1916 aŭstria samideano petis nin transdoni monsumon al sia militkaptita filo en Siberio. Por tiu celo li aĉetis en Aŭstrio 200 Frankojn, donacis 10 al UEA kaj por la 190 Frankoj ni aĉetis 112.75 Rublojn, laŭ la tiama kurzo. La 7 decembro 1917, kiam ni kredis, ke de longe la mono estis bone alveninta, la banko respondas al ni, ke la sumo revenis el Kamtchatka kun la respondo, ke la kaptito ne estis konata. Por la 112 Rubloj la banko nin kreditigis laŭ la nuna kurzo je 72.15 Frankoj. Ke malgraŭ milito kaj revolucio monsumo iras de Ĝenevo ĝis ia plej malproksima urbo de Azio kaj revenas, estas laŭdo por la internaciaj bankaj kaj poŝtaj aranĝoj, sed malpli ĝojiga estas la fakto, ke, sen ke iu ajn ŝtelis unu centimon, 190 Frankoj fariĝas en unu jaro nur 72 Frankoj!

# TRA LA GAZETARO

∴ „*La Eklezia Revuo*", organo de la Eklezia Esperantista Ligo. 16 paĝoj, 25 × 16 cm. Redakcio-administracio: Farnley Tyas Vicarage, Huddersfield, Anglujo. Abono: 2 ŝ. 2 p.

Estas ĝojiga simptomo, ke malgraŭ la milito aperas novaj esperantaj gazetoj respondantaj al novaj bezonoj. Ni kun plezuro ricevis la 1an N-on de „*La Eklezia Revuo*", organo de la Eklezia Esp. Ligo. Jen kiel en la antaŭparolo la redaktoro klarigas la celon de tiu revuo:

„. . . . Kvankam nia Revuo estas produktaĵo de la Eklezio Anglikana kaj per unu fako estas la oficiala organo de la Eklezia Esperantista Ligo, ĝi penos ankaŭ agadi en la vasta, internacia sfero de influo kiel interkomprenilo por ĉiuj servistoj de nia Sinjoro. Ĝi celos esti humila ebeniganto de la vojo al kristana reunuiĝo, per akurata, justa kaj tolerema prezento de doktrinoj kaj opinioj, ritoj kaj ceremonioj, kaj ĉiuspecaj interesaĵoj apartenantaj al diversaj eklezioj. Tiurilate ni intencas esti tute fidelaj al nia propra Eklezio, sed samtempe montradi nebigotan spiriton rilate aliajn ekleziojn."

En la unua kajero, artikoloj de kanoniko pri la eklezia mondo, de C. J. Senior pri reformo de la interrilato inter la eklezio anglikana kaj la angla ŝtato, kroniko de la Eklezia Esp. Ligo, diversaj tradukoj kaj religiaj versaĵoj.

Tiu revuo bele eldonita estas ankaŭ bone redaktita (ni rimarkis kelkloke uzon de sufikso *-end* — kiu devas esti). Ni deziras al ĝi prosperon kaj konfide rekomendas ĝin al ĉiuj interesuloj.

∴ „*Germana Esperantisto*" (januaro). En eldono A, alvoko de S-ro Rudolf Kracht al varblaboro en la nova jaro, artikolo pri germana ortografia reformo kaj Esp., kroniko, diversaj komunikoj, ekzercoj.

∴ „*Le Monde Espérantiste*" (oktobro kaj novembro). Artikolo de Trabor responde al pledo por franca lingvo kiel helplingvo, alia artikolo de la sama rilate proponon de franca deputato pri reciproka instruado de la naciaj lingvoj inter resaniĝantaj diverslandaj soldatoj de la kunligitaj popoloj; oni montras, ke tiu propono estas praktike nerealigebla kaj ke nur Esperanto povus trafi la celon. Kroniko. Eĥoj. Daŭrigo de la tradukoj de la Militaj rakontoj de Alexis Tolstoj, de la Maskita amo de Balzac, kaj de Kain, versa traduko farita de A. Kofman en 1896.

∴ Aliaj ricevitaj gazetoj: „*Amerika Esperantisto*" (aŭgusto), „*Argentina Esperantisto*" (novembro), „*Esperanto-Raporto*", el Danujo (decembro), „*Internacia Bulteno*" (decembro), „*La Esperantisto*", La Plata (aŭgusto).

# TRA LA LIBRARO

**Une langue vivante artificielle** (Vivanta artefarita lingvo). Broŝuro de *Camille Aymonier*, Universitata agregaciulo. Centra Oficejo Esperantista, 52 paĝoj, 24 × 16 cm. Prezo: 2.25 frankoj.

Nia talenta samideano, Prof. Aymonier, havis la laŭdindan ideon verki propagandan broŝuron, kiu deflankiĝas de la ordinara tipo de tiaj eldonaĵoj. Li ne nur konigas la principojn kaj regulojn de la Esperanta gramatiko, vortaro kaj sintakso, sed komentarias ilin kaj montras ilian spiriton, ilian kialon, ilian utilon. Tiu komentario, kiu apogas sin sur rimarkinda lingvistika scio, estas instrua eĉ por malnovaj Esperantistoj, kaj al la novaj kiel al la ne ankoraŭ varbitaj personoj ĝi permesas superrigardi nian lingvon kaj kompreni ĝian propran spiriton; ĝi sentigas al ili la belecon de Esperanto kaj sekve faras pli alloga ĝian lernadon.

Per malmultaj vortoj kaj trafe elektitaj ekzemploj, S-ro Aymonier scias montri kaj — kio estas pli bona — admirigi la strukturon de la Zamenhofa kreaĵo. Speciale atentindaj estas la ĉapitroj, en kiuj li studas nian lingvon el literatura vidpunkto, kaj vidigas per interesaj ekzemploj ĝian taŭgecon por tradukoj, prozaj kaj versaj, dank' al ĝia fleksebleco kaj precizeco.

La verko de S-ro Aymonier estas speciale rekomendinda por propagando ĉe kleraj rondoj kaj personoj interesataj pri lingvaj

demandoj. Tro ofte Esperanto-lernantoj apenaŭ konscias pri la belajoj de nia lingvo kaj laciĝas antaŭ ol ekkoni ilin. Pri tio estas parte kulpaj niaj lernolibroj, tro sekaj kaj tro pure gramatikaj. Nia lingvo estas ĉiama fonto de ĝuoj por tiuj, kiuj funde konas ĝin, sed por atingi tiun supron, el kiu ĉiuj partoj harmonie kunfandiĝas, gvidanto estas necesa. Pli lertan kaj kleran gvidanton ol S-ron Aymonier oni ne povas trovi. Kun li la lernado de Esperanto estas plezuro de la spirito. Ni deziras, ke lia broŝuro, bele eldonita sed bedaŭrinde iom tro kara por propagandaj celoj, havu la sukceson, kiun ĝi meritas kaj veku en novaj rondoj intereson por nia lingvo. — *H. H.*

**Les Humanités modernes.** *Les avantages d'un enseignement classique donné aux élèves d'une école élémentaire.* Centra Oficejo Esperantista, Paris. 20 paĝoj kun 4 ilustrajoj.

Oni scias, ke pri la Eccles-eksperimento koncernanta la instruadon de Esperanto al infanoj, niaj anglaj samideanoj eldonis po granda nombro da ekzempleroj propagandan broŝuron, kiun ili uzis por speciala agado en la pedagogiaj rondoj. Sub la titolo „*Les Humanités modernes*" la Centra Oficejo eldonis tiun broŝuron en franca lingvo. Ĝi enhavas: antaŭparolon, per kiu oni klarigas la gravan signifon de nia lingvo el pedagogia vidpunkto, raporton de unu el la instruistinoj pri la maniero, en kiu oni instruis Esperanton al la infanoj, raportojn de S-ro lerneja inspektoro C. L. J. M. Parkinson kaj de S-ro T. Grindle, membro de la Eduka Konsilantaro, pri la sukcesaj rezultatoj de tiu eksperimento, kaj ekstrakton el „*Brazila Esperantisto*" pri la grava sukceso atingita de Esperanto en la publikaj lernejoj de Rio de Janeiro (vidu „*Esperanto*", N-ro 205/206, paĝ. 105). La elegante eldonitan broŝuron ornamas kvar fotografajoj de klasoj de l'instruitaj geknaboj.

Tiu broŝuro estas bonega propagandilo ĉe instruistaj rondoj, kaj ni varme konsilas al la grupestroj en la franclingvaj landoj, ke ili mendu sufiĉan nombron da ekzempleroj por sendi, kun rekomenda letero, al la instruistaj aŭtoritatoj, edukistoj, lernejestroj, pedagogiaj societoj, k. a. de sia loko. Ke en aliaj landoj okazu similaj eksperimentoj kiel en Eccles, kaj ke oni poste interrilatigu per Esperanto la lernintajn infanojn, estas plej dezirinde. La ekzemplo de niaj anglaj samideanoj montras, ke eĉ dum la milito tia agado povas esti fruktodona. — *H. H.*

**Saved by a servant.** An Esperanto propaganda playlet by *J. J. Boutwood.* British Esperanto Association London (1917), 26 paĝoj, 10 × 16 cm. Prezo: 4 pencoj.

Enhavo: Le registaro en Londono skribas al lingva profesoro, ke venos en lian urbon eminenta rumana inĝeniero por rigardi la tiean teknike rimarkindan akvoprovizejon. Ĉar la inĝeniero nek konas la anglan lingvon, nek povis sin akompanigi de rumana tradukisto, la registaro petas, ke la profesoro helpu al li. La profesoro, kiu konas la francan, germanan, rusan kaj aliajn lingvojn, ĝuste ne komprenas rumane: treege embarasite li akceptas la inĝenieron — kaj en la kritika momento montriĝas, ke la inĝeniero kaj fraŭlino en la domo estas Esperantistoj. Granda ĝojo, klarigoj pri utilo de Esperanto, kaj inter du flankaj personoj fianĉiĝo, la ŝajne necesa beligilo de ĉiu komedio.

La lerte aranĝita verketo verŝajne plaĉos al nekritikemaj Esperantistoj, sed ni timas, ke pro la neverŝajna, ekstrema fakto sur kiu ĝi bazas, ĝi ne konvinkos multajn varbotojn. Ni devas kredi, ke ekzistas en Rumanujo eminenta inĝeniero, kiu ne scias unu solan vorton el la grandaj eŭropaj lingvoj, kiu dum la tuta vojaĝo ne lernis diri „bonan tagon" aŭ „ĝis revido", kaj kiu en Londono, malgraŭ la helpo de la registaro, ne trovis tradukiston por lin regule akompani. Kial do tiu malpraktika Esperantisto ne turnis sin al B. E. A., al iu grupo aŭ al Delegito? Kvazaŭ neniu organizaĵo ekzistus ĉio estas lasata al la ŝanco — por ke okazu komedio. Teatraĵo montranta la utilon de nia lingvo dum iu ĉiutaga okazintaĵo estus salutinda: nia literaturo ne havas multajn. Sed tia ŝancafero povas kontraŭe malallogi personojn, kiuj kredis je niaj aranĝoj por certa utiligado de Esperanto. — *St.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj membroj kaj korespondantoj.** — Pro kelktaga malsano de la sekretario ĉe la C. O. de UEA, estis neeble, akurate respondi ĉiujn korespondaĵojn, kiuj dum decembro kaj januaro estas speciale multnombraj pro la repago de la kotizaĵoj kaj abonoj. La modestaj enspezoj de UEA kaj la neceso ŝpari kaŭzas, ke ni nun ne povas havi la nombron de oficistoj, kiu estus bezona por plenumi la tre diversan — sed malmulte enspezigan! — oficejan laboron. Tial ni estas tre embarasataj, kiam la sekretario malsaniĝas, tiom pli, ke ankaŭ pro kaŭzo de malsano la Direktoro de UEA nuntempe ne povas restadi en Ĝenevo. Niaj korespondantoj bonvolu do nin senkulpigi, en la okazo se iliaj leteroj ne estis lastatempe tiel akurate respondataj kiel ili — kaj ni ankaŭ — dezirus. Ni klopodas por ke ĉio estu baldaŭ en ordo . . . kondiĉe, ke la sorto bonvolu indulgi la sanon de la laborantaro por UEA.

— Ni rememorigas, ke ni ne povas akcepti iun ajn *kotizaĵon* aŭ *abonon*, se ĝi ne estas samtempe pagata. Nia sistemo de librotenado, statistiko, administro, bazas sur la principo de la kontanta pago, kaj ni ne povas deflankiĝi de ĝi por iu ajn.

— Ni ankaŭ rememorigas, ke nia Oficejo ne okupas sin pri *librovendado*. Ĉiujn mendojn de Esperantaj libroj oni do bonvolu sendi, ne al ni, sed al la ekzistantaj Esperantistaj librejoj.

— La *insignoj de UEA* estas momente elĉerpitaj, sed ni mendis novan provizon. Tuj kiam ni povos denove liveri insignojn, ni tion komunikos en tiu ĉi gazeto.

— La raporto *Esperanto dum la milito*, sendota al la membroj pagintaj la kotizaĵon por 1918, estas nun preta. Ĝi enhavas raporton pri la jara agado de UEA kaj pri la stato de nia movado en la diversaj landoj, bildojn de D-ro Zamenhof — kun biografiaj notoj —, de H. Bolingbroke Mudie, Th. Rousseau, Rektoro Boirac, kaj la liston de subtenantaj membroj kaj garantiantoj de UEA.

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 31 decembro estis enkasigitaj 282 kotizaĵoj (el kiuj 31 subtenantoj). Krom tio estas 157 dumvivaj membroj. Sume: 439. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 4.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato decembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 559 | 568 |

*Tuta sumo:* 1127. (Antaŭa monato: 1283.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Dua listo:*

19. T. Audisio (Gland, Svis.). — 20. S-ino T. Suĵadinof (Malvern, Angl.). — 21. C. Blackham (Dublin). — 22. E. Schauenberg (Veltheim, Svis.). — 23. H. Roberts (Accrington, Angl.). — 24. J. Hill (Birmingham). — 25. W. Chitty (Dover). — 26. T. Wright (Worthing, Angl.). — 27. V. Smith (Cromer). — 28. I. Wright (Manchester). — 29. A. Peck (Thornton Heath). — 30. R. Macfarlane (Port Glasgow, Skot.). — 31. E. Guerra (Veracruz, Meksikujo).

### Nova Delegito.

*Veracruz* (Meksikujo). — D.: S-ro Ernest E. Guerra, poŝtestro.

### Ŝanĝoj.

*Peking* (Ĥinujo). — D.: S-ro Sinpak, The Chinese Government University.

*Zürich* (Svisujo). — D.: S-ro Emil Müller, Bodmerstrasse 5, nova adreso).

### Rimarko.

La nova Del. en *Neuchâtel* (Svis.) estas F-ino Emma Chenevard, profesorino, Beau-Soleil (ne Chevenard, kiel erare presita en la lasta N-ro).

Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Fat-Shan*, *Mexico*.

---

# Esperantista Parolejo

### Instruado de Esperanto al gejunuloj

. . Mi multe interesiĝas pri tiu temo, kiu estas unu el la tabulegoj en la perono de nia komitato. Mi bedaŭris legi la pesimistan artikolon de S-ro K. v. Frenckell en „*Esperanto*“ (N-ro 208) pri la maloportuneco de propagando en la nuna tempo.

En miaj pensoj mi povas jam vidi la ekoscedon de kelkaj lacegemaj Esperantistoj je la legado de liaj rimarkoj, suprenjetantaj samtempe siajn manojn kun la rimarko „ho, jes, ni ja same pensas, estas necese, lasi la aferon ĝis pli bona tempo“.

Ni en ĉi tiu parto de la mondo, kiu iras antaŭen senhalte, havas tute alian rakonton por la legantoj de „*Esperanto*“. Lastatempe ni festis en nia Federacio literaturan kaj muzikan konkurson, en kiu partoprenis cent-tridekkvin gejunuloj inter la aĝoj de ok kaj dekkvin jaroj, kaj laŭ la rezultato kaj tiutaga sperto, ankaŭ laŭ la informoj venantaj al ni de diversaj partoj de la lando, ŝajnas al ni, ke la proksima konkursfesto, kiun ni intencas aranĝi en la baldaŭa estonteco, estos afero ne de centoj sed miloj.

En ĉiu urbo de nia Federacio la grupoj vigle laboras kaj trovas la starigon de novaj kursoj pli facila ol iam antaŭe. La publiko, anstataŭ kondamni nian aferon kaj kontraŭvole veni al publikaj paroladoj, invitas la grupojn, sendi paroladistojn al siaj societoj por informi ilin pri Esperanto. Ni trovas, ke neniam antaŭe ni havis tian bonegan oportunon kiel la nunan por antaŭenpuŝi nian aferon en ĉiu parto de la socia vivo.

Spite la malfacilaĵoj, al kiuj aludas la artikolo de S-ro v. F., la gejunuloj, kiuj lernas Esperanton, elmontris grandan kvanton da korespondaĵoj de diversaj eksteraj landoj, kio montras, ke la aparato *ne* devas rustiĝi.

Mi esperas, ke la legantoj de „*Esperanto*“ ne permesos, ke tiaj pesimistaj ideoj pri la nuna netaŭgeco de propagando, eniru en siajn kapojn, sed ke ili daŭrigos sian kutiman agadon, eĉ tie, kie la radoj trenas iom malrapide.

*J. D. Applebaum*, Liverpool,
Prezidanto de la Lancashire kaj Cheshire Federacio kaj
Hon. Sekretario de la Propaganda Komitato
de la British Esperanto Association.

* * *

Mi tute ne konsentas la opinion de S-ro von Frenckell (paĝo 134 [10]). Ŝajne li rekomendas, ke dum la militperiodo ni dormu por revekiĝi post la reveno de paco. Oni konstatas, ke en kelkaj lokoj la flamo de Esperanto ne tiel ardas: eble pro tio, ke la plej viglaj spiritoj, kiuj entuziasmigis la grupon, foriris por militservado. Sed ŝajne S-ro von Frenckell ankoraŭ restas en Dresdeno, kaj en kelkaj aliaj lokoj restas entuziasmuloj, kiuj povas labori: kaj se li trovas, ke la pliaĝuloj estas indiferentaj, ekzistas aliaj kampoj, sur kiujn li povas ĵeti semojn. Certe el ĉiuj kampoj, tiu de la infanoj estas la plej fruktodona. Jam dum tridek jaroj Esperantistoj laboris por starigi Esperanton en la mondo kiel vivantan lingvon. Nun oni povas propagandi ĝin kun la subteno de granda literaturo kaj la aprobo de eminentaj edukistoj tra la tuta mondo. Se oni deziras interesigi infanojn pri Esperanto, oni iru al la lernejoj. Oni unue kaptu la simpation de la lernejestro kaj post tio parolu al la infanoj pri Esperanto. Ili facile interesiĝas pri la ideo, ĉar ili ne havas antaŭjuĝojn. Montru al ili simplan tekston, kiun ili povas traduki kun malgranda peno, kaj ili tuj entuziasmiĝos. Al ili estos la estonteco, kaj se oni povas kapti ilian simpation nun, eĉ se ili ne instruiĝas nun, ili propramove venos al niaj kursoj, kiam ili pliaĝiĝos.

Mi skribas el propra sperto, dirante, ke mi neniam vidis tiom da entuziasmo por Esperanto, kiom inter infanoj. Ofte ili preskaŭ fanatike propagandas ĝin en la hejmoj kaj inter la parencoj. Se ili ne povas havigi al si korespondantojn en aliaj landoj ili serĉas ilin en la patrolando. Sed ne pro la avido por ilustritaj poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj la infanoj estas alligitaj al Esperanto: ili ŝatas legi nian literaturon, kaj krom tio ili trovas, ke Esperanto helpas ilin pli bone kompreni la patran lingvon.

Samideanoj, malgraŭ la milito, ni propagandu nian lingvon ĉe la infanoj, en la lernejoj, en la skoltejoj, en la hejmoj.

*W. M. Page.*

### Oni laŭdas!

∴ S-ro *A. P. Leerdam*, Esp-iano el Venlo, sendas koran dankon al la samideanoj kiel ankaŭ al S-ro Adalberto Senff, pro kies ĉeesto li dum vizito al Rotterdam agrable povis pasigi la tempon.

∴ S-ro *Jean Zryd*, el Genève, sincere dankas S-ron M. Israelsen en Kopenhago, kiu sukcese reserĉis adreson de parencoj. Li speciale dankas lin pri la rapideco kaj zorgo alportitaj respondante pri specialaj familiaj informpetoj.

---

# Esperantista Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro *J. Schapiro*, membro de UEA en Lodz (Polujo) kun Fino *Eva Heppner*, membrino de la Lodza Esp.-Societo.

**Edziĝo.** — S-ro *Paul Bühlmann*, antaŭe Del. de UEA en Patras (Grek.), nun en Hamburg, kun Fino *Helene Beckers*, el Rhendt.

---

# Alvokoj

### Al Amikoj de Esperanto

La estroj kaj la Edukada Komitato de la grava knabina lernejo Bishop Auckland County School for Girls, ĵus decidis enkonduki Esperanton en tiun lernejon dum oficialaj lernejaj horoj. La kursoj komenciĝos kiel eble plej baldaŭ. Samideanoj de ĉiuj landoj estas petataj, skribi rekte dankesprimojn al la estraro. Tio kuraĝigos ilin, montros al ili la efikon internacian de nia lingvo kaj helpos multe por postaj klopodoj en tiu direkto ĉe aliaj lernejoj.

Skribu rekte al „The Governors of The Bishop Auckland County School for Girls, c. o. Madame A. D. Kilburn, „Ninefields“ Bishop Auckland (Anglujo).

*J. D. Applebaum*, Liverpool,
Hon. Sek. de la Propaganda Komitato de la Brita Esperanta Asocio.

# Lingvaj Studoj

### 7. *Pri la vorto abstinenco*

Niaj vortaroj proponas la radikon *abstinenco* por A. F. *abstinence* kaj G. *Abstinenz*, t. e., laŭ la difino de Kabe, „sindetenemo, pro principo, de la uzado de l'tabako, alkoholajoj, amaj ĝuoj". Tiu internacia radiko, kiu troviĝas nek en la Universala Vortaro, nek en ĝia Aldono, meritus plenan aprobon, se oni bezonus ĝin nur en la substantiva formo. Sed oni ofte bezonas la koncernan verbon kaj derivajojn. El *abstinenco* regule sekvas *abstinenci, abstinenculo, abstinencanto*. Bedaŭrinde tiuj vortoj estas longaj kaj pezaj. Ŝajnas do, ke ĉe tiu kazo kiel ĉe multaj, pli simple kaj pli konforme al la spirito de nia lingvo estus elekti kiel patro-vorton *abstin-i*, el kiu devenus *abstino, abstina, abstinulo, abstinanto, abstinema, abstinado*, k. t. p. certe pli oportunaj ol la respondaj derivajoj kun *abstinenc'*. Post la verbo *abstini* oni povas uzi la prepozicion je aŭ la akuzativon. Ekz.: abstinante je alkoholajoj (aŭ abstinante alkoholajojn), oni ŝparas monon.

### 8. *Trouzo de la prefikso „ge"*

Ni konstatas en nia literaturo kaj pli speciale en niaj gazetoj bedaŭrindan tendencon trouzi la prefikson *ge*. Kiel ĉiuj niaj afiksoj *ge* devas esti uzata nur en okazo de bezono, nome kiam oni volas nepre substreki la ĉeeston de ambaŭ seksoj. Sed kiam la ambaŭsekseco estas evidenta, estas tute neutile algluí tiun prefikson kaj tiamaniere estas evidenta, estas tute neutile algluí tiun prefikson kaj tiamaniere sennecese plilongigi la vortojn. Ekzemple, ni ĉiuj scias, ke en nia movado partoprenas viroj kaj virinoj. Kial do skribi: *gemembroj, gegrupanoj, gesamideanoj, gekunbatalantoj, gesamcelanoj, geesperantistoj*, k. t. p. tie, kie *membroj, grupanoj, samideanoj, kunbatalantoj, samcelanoj, esperantistoj*, tute sufiĉas? Ni estu pli ŝparemaj rilate al la uzo de niaj afiksoj, kaj agu konforme al la principo de sufiĉo kaj neceso, akceptita de la Akademio.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. Pl = *poŝtkartoj ilustritaj*.
PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

BARCELONA (Hispanujo). — La grupo „Nova Sento", 156, strato Enna (kun samideanoj el ĉiuj landoj).

CHORLEY (Anglujo). — S-ro W. Brown, „Mayfield" L, PK, Pl (kun ĉiulandaj samideanoj).

DAVOS (Svisujo). — S-ro Rudolf Pánczél, Pension Barz, perfekta, tre entuziasma Esp-isto, Pl, L (kun ĉiulandaj gejunuloj, prefere komencantoj).

DAVOS (Svisujo). — S-ro Dobi Lajoŝ, Pension Barz, Pl, L (kun ĉiulandaj gejunuloj).

DONAUSTAUF BEI REGENSBURG (Germanujo, Bayern). — Gefr. Fw. Mühleisen, Lazarett, Pl, fotografajoj (L pri ĉiuj temoj).

MADRID (Hispanujo). — S-ro Jesús Ramirez Sánchez, Str. Cabestreros 10 y 12 b interior, PM (ordinarajn kaj dummilitajn, kaj librojn, kun ĉiulandaj samideanoj).

MALMÖ (Svedujo). — F-ino Augusta Mahlin, Malmö Läderfabriks AB, L, PK, Pl, libroj, gazetoj (kun tutmondaj gesamideanoj, Esperante, germane, angle).

MALMÖ (Svedujo). — F-ino Anna Måhlin, Petrihus, Pl (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

MALMÖ (Svedujo). — S-ro Ragnar Gustavson, komerca oficisto, Malmö Läderfabriks AB, Pl, PM, (kun ĉiuj landoj).

MALMÖ (Svedujo). — S-ro Gunnar Göranson, gimnaziano, Kornettsgatan 11, L, Pl, libroj, gazetoj (kun ĉiuj landoj, Esperante, angle, germane).

MALMÖ (Svedujo). — S-ro Erik Andersson, Rörsjögatan 16, Pl, akvareloj, desegnajoj (kun ĉiulandaj gesamideanoj).

MOUNT STURT, VIA WARWICK (Queensland, Aŭstralio). — S-ro F. C. Hall (pri abelkulturo kun ĉiuj landoj escepte Nordameriko kaj Eŭropo, sed kun Rusujo).

NEW YORK (N. Y., Usono). — S-ro Armand B. Coigne, 2633, Creston Avenue, *nur* L (rilate psikologio, psikismo, fenomenoj supozeble kaŭzitaj de mortintoj, k. c., PK- kaj PM-kolektantoj ne ricevos respondon).

ROUEN (Francujo). — S-ro Roger Lallemand, chez Mme Lefaix, 8, rue de l'Ecole Normale, Pl, L (kuriozajoj, sciigoj pri la landoj).

VERACRUZ (Meksikujo). — S-ro Ernesto E. Guerra, poŝtestro, L, PK (kun samideanoj ĉie, prefere progresemaj samideaninoj. Li estas konstanta).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ESPERANTAJ POEMOJ aperis, de C. Chr. Droogendijk, Del. de UEA, Stavenisse (Nederlando). Prezo: 0.20 Sm. Havebla ĉe la verkisto post ricevo de du internaciaj respondkuponoj.

PSIKISMO-STUDENTOJ, KURACISTOJ, INTERESITOJ je psikologio, eksterordinaraj cerb- kaj nervmalsanoj, postmortaj fenomenoj, psika enketado, komuniku kun mi, rilate internacian asocion por studi tiujn ĉi fenomenojn. Amatoroj, PK- kaj PM-kolektantoj ne skribu. *Armand B. Coigne*, 2633, Creston Avenue, Bronx, New York, N. Y., Usono.

VARSOVIAJ SAMIDEANOJ. — S-ro H. Bronŝtejn sendas el Rusujo korsaluton al konatuloj: S-ino Mangel, S-roj Oberrotman, Kolner, k. a. Respondu per *Esperanto* pri sorto de samideanoj Litauer, Grimblat. Li petas sciigi sian patrinon pri tiu ĉi anonco.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO